XXXIV-a Jaro — N-ro 463 (9) — 15 Majo 1938



# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio




# Solidareco esperantista




La grava ŝanĝo sur landkarto, okazinta antaŭ iom da tempo ne trovis la eĥon kiun ĝi meritas por nia movado, en la esperantista gazetaro. Plendante, konstatis tion « Informoj » la organo de la Esperanto Asocio en Estonio. Pli grandan spacon jam konsentis je tiu ĉi okazaĵo, la British Esperantist, aludante pri la sorto de la Muzeo. Neniu kuraĝis diri vorton pri la decido, donaci valoran bibliotekon de UEA al la Muzeo en 1934, decido malhelpita de klarvidaj kaj, konsciaj membroj en Genevo. Ŝajne la esperantista gazetaro timas eĉ ion diri pri tio kio okazis kaj okazas. La kelkaj kiuj jam diras ion, similas al voĉoj en dezerto.

La taga gazetaro ĉiulanda raportas pri viktimoj. memmortigoj, forkuroj, enkarcerigoj en la koncerna lando. Ne temas pri « Terurfabeloj ». Sufiĉas legi lokajn gazetojn precipe vienajn. Instrua parto estas... la anoncoj !... Kaj inter ili tiuj pri mortoj. Pro bonaj kaŭzoj, ni nenion aldonas je tiu ĉi temo.

Kaj estas ankaŭ viktimoj esperantistaj. Ni sciiĝis pri arestigo de kelkaj konataj propagandistoj de nia afero. Aro da samideanoj de aria kaj de mal-aria deveno perdis oficon kaj troviĝas hodiaŭ vid-al-vide de nenio. Kulpo ? Nu, kulpo ilia estis, ke ili ne elektis pli prudente siajn gepatrojn, aŭ avinon ; aliaj tro fervore kredis kaj agis por belaj ideoj ne-konvenaj en la fera epoko en kiu ni vivas.

Nia redakcio ricevis konsilon ne paroli pri ĉi tiuj aferoj. Sed ĉu ni parolu aŭ ne, tio neniel ŝanĝos ion. Nia agado ne bezonas timi la lumon de l'tago.

Ĉu oni helpu ? Hodiaŭ la homoj estas atakitaj de ĉiuj flankoj por subteni ion. La monkolektoj ne ĉesas.

Tamen... oni devas helpi ! Kaj oni povas ! Kelkaj bonvolaj esperantistoj ekkomencis organizi ion pri kio raportos nia gazeto. Sed venas unue la demando pri la samideanoj perdintaj oficon. UEA starigas nun servon por esplori eblecojn, ke iuj el la viktimoj povu elmigri en landojn transoceanajn. Oficiala helpo ne ĉiam efikas. Necesas individua partopreno. Ni aperigos en venonta numero la unuajn anoncojn pri elmigrado. Oni bonvolu tion priatenti.

Vivu la solidareco esperantista.

[Communiqué au Conseil, aux Membres de la Société et aux Délégués à l'Assemblée.]

A. 5. (1). 1922.

Genève, le 28 juin 1922.

Société des Nations

L'ESPERANTO COMME LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

Rapport du Secrétariat général à la troisième Assemblée, amendé et adopté par la cinquième Commission de l'Assemblée, le 14 septembre 1922.

League of Nations

ESPERANTO AS AN INTERNATIONAL AUXILIARY LANGUAGE

Report of the General Secretariat to the Third Assembly, as amended and adopted by the Fifth Committee of the Assembly on September 14th, 1922.

**Reproduktaĵo malgrandigita, de la kovrilpaĝo de l'raporto pri Esperanto al la kunveno de la Ligo de Nacioj, 1922.**

# Kalejdoskopo de l'Esperantismo

## Ligo de Nacioj kaj Internacia Lingvo

Paroli hodiaŭ pri la Ligo de Nacioj estas iom riska afero. Aŭ oni rikoltas pardoneman rideton, aŭ netan malaprobon. Fariĝis modo moki, ne nur pri la ĝeneva institucio, sed pri la ideo mem. Kaj tio estas la malbono. Pri la Ligo de Nacioj, tia kia ĝin kreis la paco de 1919, ja ne nur la principaj kontraŭuloj juĝis malfavore. Ĝi ne respondis al iliaj egoismaj deziroj, sed ĝi ankaŭ ne kontentigis ĝiajn plej fervorajn defendantojn. Inter ili, ni ne forgesu tion, apartenis laŭidee la anoj de internacia lingvo.

La Ligo de Nacioj aŭ kiel mokeme diras la ĵurnalistoj en certaj landoj « *la Geneva Ligo* », kaj pli forte « *la venenbutiko* », ne povis plenumi tion, kion bonintencaj idealistoj kaj praktikuloj intencis. Ĉiu provo de internacia aŭ ni diru pli precize « interŝtata » aranĝo, kolizias kun la ŝtata suvereneco. Kaj eĉ la plej malgranda ŝtato ne volas toleri limigon de sia povo.

La Ligo de Nacioj havis do kiel celon ĉefan kaj superan : *eviti militon.* Laŭdinda celo ! Pri la maniero efektivigi tion, disiras la opinioj. Kiel ŝtupon kvazaŭ kiel profilakso, estis organizita la Senarmiga Konferenco de benata memoro. Tiu ĉi esence *politika* problemo, estis diskutita de generaloj, admiraloj kaj militfakuloj.

Atendi de fakuloj kondamnon aŭ eĉ nur malkonsenton pri principo estas ja tro multe. Tia procedo similus, se kunveno de episkopoj katolikaj devus decidi pri forigo de la meso !

En la plej grava politika tasko, konfidita al la Ligo de Nacioj — la forigo de la militdanĝero — ĝi fiaskis. Ĝi ankaŭ fiaskis en aliaj gravaj taskoj dependaj de la bonvolo de la grandaj ŝtatoj. La malgrandaj ŝtatoj ja senescepte estas fervoraj defendantoj de la ideo de l' LdN. Dume la grandpotencoj same senescepte neniel kaj verŝajne neniam konsentos gravan limigon de suvereneco en politikaj demandoj.

### LdN kaj problemoj ne-politikaj

Se en la ĉefaj taskoj, la LdN malsukcesis la institucio tamen plenumis valoregajn servojn al la homaro. Temas pri aferoj ankaŭ gravaj, sed kiuj ne limigas la tielnomatan suverenecon de ŝtato en plej karesita detalo : La armeo kaj la defendo. La ĉiujara kunveno de ministroj sur tereno favora, sen konataj influoj, jam estas granda gajno. Kaj multaj valoraj decidoj, plenumitaj poste, rezultis el tio. Ni menciu nur la protekton de la minoritatoj, la helpon al popoloj mortantaj pro malsato, la kunordigon de la laboroj por rifuĝintoj ĉiaspecaj, la agadon interŝtatan kontraŭ epidemioj, kaj aliaj. Tiurilate la ekzisto de LdN estas granda utilo.

### La estonto de la Ligo de Nacioj

Kun sento melankolia oni demandas sin pri la sorto de la LdN. Organismo sen propra povo, dependa de siaj ŝtatmembroj, kies interesoj kolizias ĉe ĉiu grava problemo, la LdN tamen ne pereos, nek kiel ideo nek kiel aĵo ekzistanta. Ĝi limigas sian agadon je problemoj dua-kaj triarangaj, atendante ke gravaj postuloj de malkontentaj membroj trovos solvon ekster ĝi. Pli malfrue la malkontentuloj revenos. Necesaj reformoj plibonigos kritikindaĵojn. Eĉ se la nuna agado estas sensignifa, kompare al la grandaj problemoj kaj eĉ se tiu ĉi agado reduktiĝus al nulo, la ideo kiel tia restas. Kaj iam oni trovos solvon, pli bonan ol tiun de 1919.

### Ligo de Nacioj kaj Internacia Lingvo

Necesis klarigi iom la situacion de la Ligo de Nacioj, por pli bone kompreni tion, kio speciale interesas nin. Siatempe, dum la idealisma epoko de la LdN ni diru dum ĝia printempo, ĝi okupiĝis pri la demando de internacia lingvo. Dank' al D-ro Privat tiu ĉi demando estis submetita al la esploro. Impona raporto aperis la unua aŭtoritata dokumento pri nia movado. Dank' al kontraŭstaro de du grandpotencoj la ĉefa postulo ne estis akceptita. Kaj la demando mem resendita al komisiono por Intelekta Kunlaboro. Transdoni ion al komisiono, signifas entombigi elegante kaj sendolore plej gravan aferon.

La sola rezulto el tiu ĉi grandega penado estis la.. rekono de Esperanto kiel klara lingvo en telegrafado. Almozo. Konsolo por ni estas, ke pli urĝaj problemoj a n k a ŭ ne trovis solvon per la LdN.

Sed la limigo de la LdN je demandoj ne-politikaj, je problemoj ne tuŝantaj ies sentojn, malfermos denove la pordon por internacia lingvo. En konvena momento kaj bone preparita, la demando pri ĝi povos esti remetota pere de registaroj de mez-kaj malgrandaj landoj pli interesitaj. Necesas antaŭ ĉio klara situacio en nia movado. Kaj kun ĝi, klara situacio en la interŝtataj rilatoj.

H. J.

Novaj svisaj poŝtmarkoj.

La kvar reproduktaĵoj de PM reprezentas la palacojn de la Ligo de Nacioj (S.D.N.) kaj de la Internacia Labor-Oficejo (B.I.T.) en Genevo. Kolektemuloj dezirantaj ilin sur koverto, sendu Frk. 2.10 aŭ sep respondkuponojn al la C. O., kiu sendas turismajn presaĵojn en bona koverto kaj afrankita kun la poŝtmarkoj, rekomendite.




Universala Esperanto-Asocio
Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando



# Literaturo

## Esploro per gantoj

« Mi trovas, ke la viroj dum libertempo estas ankoraŭ pli senĝenaj ol kutime », rimarkis Margrit komforte streĉante sin en longseĝo. « Ili kredas, ke amindumado apartenas al ilia ripozado kiel la ozonriĉa aero, la fluanta varmakvo kaj ke ĝi estas inkludita en la pensiona prezo. »

Ŝi kuŝis apud ŝia amikino Marcelle sur la balkono de hotela ĉambro.

Marcelle decidiĝis, levi la okulojn, malantaŭ la verda okulvitro favore de tiu ĉi temo.

« Tio ja ne estus la plej terura », ŝi rimarkis, « multe pli malagrable ja estas, ke ĉi tiuj libertempaj junuloj kaj pajlo-vidvoj ja similas unu alian kiel seria aŭto al alia. En la unua momento ili ja ŝajnas ĉiuj saĝaj, ĝentilaj, plenaj je belaj ideoj kaj en bonaj situacioj. Ili diras al la virinoj la samajn flatajojn kaj imponas per la samaj spritaĵoj. Ĝis kiam evidentiĝis ke ĉio estis nur blufo kaj ŝminko, finiĝas la libertempo kaj oni pasigis ĝin kun stulta neniulo, kiu cetere estas jam edzo kaj pruntis siajn aforismojn ĉe Oskar Wilde. »

Post medita paŭzo ŝi aldonis reveme : « Ofte etaĵo indikas, kiu estas la ĝusta. Unufoje mi havis la ŝancon, jam je la dua tago de mia libertempo perdi glacean ganton. »

« Ŝanco ? »

« Atentu ! Sekvante konsilon de la hotelpordisto mi faris anoncon : **Blanka glacea ganto perdita hieraŭ survoje de l'korso al la Parka Kafejo. Trovanto estas petata doni ĝin al la pordisto de l'Hotelo Astoria.** Tiu ĉi folio estis fiksita ĉe arbo en la korso. Samtage venis juna viro. Li legis la anoncon, traserĉis la tutan vojon kaj trovis la ganton. »

« Kortuŝa tiu ĉi delikateco ! »

« Sed vi efektive estas malbona psikologo, vere. Kion diras tiu ĉi sinteno ? Pedanteco. La viro nome estis certe oficisto en tre modestaj rilatoj. Ĉiuokaze nenio por mi. Sed unu horon pli malfrue venis junulo numero du kaj alportis la ganton:

« Sed pardonu. Tiun ĉi ja trovis la pedantulo ? »

« Jes. Numero du legis la anoncon kaj el multe da detaloj konkludis, ke *mi* devas esti la perdinto. Ĉar mi jam impresis lin, li salutis kun ĝojo la okazon, konatiĝi kun mi. Li do aĉetis paron da gantoj kaj alportis al mi unu ».

« Brile ! Viro kun fantazio ! »

« Ĉiuokaze pli bona klaso ol la unua. Ne malsprita, ĉar ne estis facile trovi, ke estas precize mi, kiu perdis la ganton. La ideo, aĉeti paron da gantoj, indikas certan originalecon. kiun mi ja ŝatas ĉe viroj. Kaj fine oni povis konkludi je bona materia situacio, glacegantoj ja fine ne estas malkaraj ! »

« Kie do troviĝas la *sed* ? » demandis Margrit.

« La *sed* konsistas en tio, ke la juna viro tuj konfesis al mi, esti aĉetinta la ganton. En tio troviĝas speco de akcentita ofero, kion mi ne povas toleri: Kaj pli multe ankoraŭ ! Mankas al li pli alta grado de delikateco kaj de intuicio-kapablo por la pensado de virino. Pro tio, ke li konsentis, ke li trudiĝis, li devigis min, esti pli malafabla, ol mi eble estus estinta. Mi tamen ne povis tuj vidigi al li, ke lia truko kaj lia nobleco, kiun li akiris relative malkare, plaĉis al mi. Mi montris min iom ironie kaj malvarme, kaj tio lin furiozigis tiom, ke li adiaŭis kaj foriris. Li faris al mi la impreson, kvazaŭ li pentus esti elspezinta tiom da mono por mi. Baldaŭ poste aperis la tria, cetere ».

« Do ankoraŭ iu, kun la ideo aĉeti ganton ? ».

« Li asertis, esti ĝin trovinta. Sed mi surpriziĝis. Lia antaŭulo lasis al mi ganton *dekstran* kaj la nova alportis *maldekstran*, sama koloro, sama formo kaj sama finpretigo. Estis tute klare, la dua, vidinte ke lia eksperimento malsukcesis vendis la ideon kun la ganto, eble kun profito. Ĉiuokaze mi forpelis tiun ĉi ulon, kiu volis imponi per aĉetita ideo kaj mi lin avertis ja ne plu vidiĝi kun sia amiko antaŭ mi. Tiel mi havis duan paron da gantoj. Apenaŭ numero tri eliris, venis la kvara. Li provis kredigi al mi, esti trovinta la ganton kaj li ĝojis pri la hazardo, plezurigi ties ĉarman posedantinon. Tiam li transdonis al mi la ganton, minimume tutan numeron tro malgrandan ! »

« Nekredeble ! » elkriis Margrit. « Kiom da eblecoj ja ekzistas, ne kontentigi vin ! »

« La lastan trovinton mi tamen konservis ! reveme diris Marcelle. « Mi amindumis kun li dum la tuta libertempo kaj mi ne pentis tion. »

« Vi diris tamen, ke li portis al vi ganton unu numeron tro malgrandan ! »

Marcelle ridetis. « Li ĝuste posedis tion, kio mankis al la aliaj, tiun ĉi pli altan gradon de delikateco kaj intuicion por pensado virina. »

(Laŭ P. Fabricius).

## La homa koro

*Koro estas eta*
*Instrument' sekreta*
*Raym. Schwartz.*

La koro estas korforma. Oni volonte ĝin komparas kun horloĝo. Ĝi ludas en la vivo, precipe en la vivo de sentoj, grandan rolon. Tie, ĝi estas « objekto por ĉio », la instiganto de ĉiuj ŝkuoj, centriga lento de ĉiuj radioj.

Ĝi kapablas je plej variaj funkcioj. Ekzemple ĝi povas ardiĝi kiel brulanta ligno, pendiĝi al io kiel vestaĵo, esti disŝirita kiel tia. ĝi povas kuri kiel Nurmi, fiksstari kiel la suno ĉe Gideono, rompiĝi kiel la feliĉo kaj vitro.

La homa koro estas la sola aĵo, kiu povas esti je pluraj lokoj je sama tempo. Ekzemple: *Sur langvo, je ĝusta loko, en alta montaro.* Oni povas ĝin perdi, fordonaci, fermi hermetike kaj senlime malplenigi, oni povas ĝin perfidi kaj ĝi povas perfidi nin, oni povas iun porti en ĝi (la iu eĉ ne bezonas tion scii) oni povas ĝin meti en ĉion eblan, la tuta koro en ion plej etan.

Rimarkinde estas, ke en multaj lingvoj *koro* rimiĝas je *doloro*, kio supozeble ne estas nura sonhazardo, sed simbolo de tre proksima kaj ofta rilato.

Malbone troviĝas la koro, se oni ne plu parolas bildmaniere pri ĝi, se ne plu ludas rolon la kuraĝaj, grandiozaj kaj eminentaj movadoj kaj nur ion signifas la mezureblaj, la pure mekanikaj, se ne plu estas konsiderataj la harmonioj, kaj nur la pura ritmo. En tia horo estas malmulte da poezio ĉirkaŭ la kompatinda koro, kaj indiferentas pro kio ĝi batas, se ĝi nur batas.

Kaj tamen se la koro en tia horo demetis valoron kaj virton, kiel ridindajn malnovajn vestaĵojn, nenion plu aspiras per sia nuna bato ol la venontan, nenion volas plu ol sin mem, volas nur pravigi la komparon kun horloĝo kiu funkcias... ĝuste en tia horo, kiam ĝi estas nur eta, timigita maŝineto al kiu ne plu helpas oleo, ĝuste tiam ĝi aperas kiel io giganta io grandioza. Ĝi tiam similas inter karno kaj koloro brilantaj, en fosfora lumo de l'vivo je mizera majesto inter pompa korteganaro.

(Laŭ A. P. el «Nation»)

## Penseroj

*Necesas ofte pli da kuraĝo por ŝanĝi opinion ol resti fidela al ĝi.*

*

*Ĉu vi scias kio estas devo ? Estas tio kion oni postulas de l' aliaj !*

A. Dumas.

## Moto

*Ĉiu homo nepre lernu*
*Duan lingvon, kaj parolu*
*En hejmlando, la gepatran,*
*Kun fremdulo, la homaran.*

G. S.

## Printempo

**de Antonio Cappa**

*Al kara amiko* Arrigo Ciabattini *dediĉas kun printempa animo.*

La Tradukinto.

Klaraj fontoj,
freŝa herbo,
lekantetoj helaj.
Dolĉeco de puraj larmoj
elfluantaj
vivege el ŝvela koro
kaj ploro infana
sur vangoj ruĝegaj.
Sed rideto
tuj aperas
kaj tenebrojn forigas,
kaj klarigas vizaĝon
antaŭen etendiĝanta
al la Amo !
Juneco !
Ĉiaj ciaj floroj
odorantaj
plenigas aeron
per ravanta odoro.

Trad. Corrado Cerri.

## Epigramo

Havas nune la amikoj
Karakteron tre melonan ;
Vi rilatos kun kvindekoj
Ne trovinte unu bonan.

G. S.

# Poezio

## Adago

DE EMMANUEL LEŜEHRAD

*Iaman mi vizitis kamaradon,*
*dum jaroj multaj lin ne renkontinte,*
*en malmoderna subtegmenta ĉambro...*
*Ŝanĝite estis li, nerekonebla;*
*nur en okuloj liaj speguliĝis*
*animo klara - kiel akva resto*
*sur fundo de jam elĉerpita puto.*

*La subiranta sun' en sango dronis,*
*skarlate koloriĝis la tegoloj,*
*funebra lumo falis en la ejon...*
*Nun sidis li, profunde meditante,*
*kaj ĉirkaŭ li ŝvebetis ruĝa brilo :*
*li ŝajnis la junecon rememori,*
*herbejojn, kampojn, kie li vagadis,*
*konante nek malĝojon nek suferon...*

*Nin ambaŭ ligis sento reciproka,*
*ni rememoris... La krepusko kreskis;*
*mi manojn liajn vidis, la malgrasajn,*
*kaj peza penso premis mian koron.*

*Jen li ekstaris..., prenis violonon,*
*malnovan, ripozintan jam delonge,*
*kaj delikate tuŝis li la kordojn.*
*Malgaja ton' ekvibris tra l'krepusko,*
*dolora melodio ĝeme sonis,*
*kaj la juneco kun esperoj ĉiuj*
*la violonon igis treme plori...*

*Ho ve ! Sekretaj idealoj miaj,*
*sopiroj pri la trompa bril' de steloj,*
*pri brakoj, kiuj mole min karesus,*
*pri homoj, kiujn amus mi sincere,*
*malnovaj en animo mia kantoj,*
*mortontaj por eterne sen plenum,... !*

El la ĉeĥa tradukis
Miloŝ Lukáŝ

# Penseroj

*Laboro estas la plej bona kuracilo kontraŭ doloro. Dum malĝojo aŭ seniluziiĝo laboru senhalte kaj vi mem spertos ĝin.*

Max Müller (Oxford).

*

*Juĝu pri aliaj, kiel vi deziras, ke oni juĝu pri vi mem.*

Bretona diraĵo.

*

*Studado estas balzamo kontraŭ pasio.*

Talmud.

*

*La fundamenta religia sento konsistas en la konscio de l' egaleco kaj frateco de la homoj.*

Tolstoi.

*Laboro kaj devosento hardigas karakteron kaj sanon.*

*

*La karaktero de l' homo, ne estas en la prudento sed en la koro*

Jacobi.

*

*La rusto ĉe brilaj karakteroj plej ofte venas de bagatelaj zorgoj ĉiutagaj.*

*

*Nur en la mizero evidentiĝas nobleco de grandaj animoj.*

Schiller.

*

*Dio donis al sia kreaĵo nur unu pilastron : La Amo.*

Carmen Sylva.

# Tra la Gazetaro

## LA VIPO

daŭrigas sian vipadon. Dankinda objekto estas ĉiam la organizo esperantista kaj la personoj ludantaj rolon. Jen io el penseroj de nerekonita geniulo:

*Mono, mono — jen estas ĉefario*
*De Sinjoro Goldsmith-Sekretario*

*

*Ne plaĉas al « Heroldo » de la*
*[« Vip' » ..... titolo,*
*Ĉar timas ja la vipon ĉiu dub-*
*[idolo.*

*

Du direktoroj de du centraj organizaĵoj esperantistaj interparolas:

— Nia Ligo malbone progresas: duono de la membraro ne realiĝis, diras la unua.

— Kaj nia Asocio bone progresas: duono de la membraro realiĝis, — diras la dua.

*

Kaj sub Lastmomenta novaĵego aperis la jena:

*Fine la UEA biblioteko*

*venos Vienon.*

*Vieno.* Lastlastmomente mi ekscias, ke hodiaŭ okazis tie ĉi granda sekreta konferenco militista pri la biblioteko de UEA. Kiel sciate, tiu biblioteko siatempe laŭ propono de S-ro Ŝtonulo kaj laŭ decido de la tiama estraro de UEA estis donacota al Esperanto Muzeo.

Ĉar la malamikoj de S-ro Ŝtonulo tion malhelpis, nun estas priparolata la plano, ke la kunligitaj armeoj de la Regnogvidisto (enĉemizigitaj IEL-junuloj) kaj de la gvidanto perforte akiru la bibliotekon ed UEA kaj venigu ĝin al Vieno. Tie ĉi ĝi estos solene bruligita, por ke ĝia lumo estu videbla tra la tuta mondo kaj por ke oni povu diri:

El Vieno — la lumo.

## SENNACIULO

Estas preskaŭ amuze legi kiel niaj samlingvanoj el sennacieca kampo, prijuĝas la klopodadon de malgranda popolo atingi la minimumon: rekonon de gepatra lingvo. Jen perlo el « Sennaciulo » no. 464:

*Estas preskaŭ amuze vidi, kiel progresema gazeto, tiu de UEA, « Esperanto », en sia n-ro de 28. 2. sub la plumo de Georgo Agricola laŭdas la referenduman decidon de l'svisa popolo, kiu* akceptis *la proponon pri rekono de l'retoromanĉa lingvo kiel* kvara nacia lingvo *de la konfederacio. La artikolon ornamas tre granda foto pri P. Lansel, romanĉa verkisto k poeto, kiu per la nomita voĉdono trovas la rekompencon por sia esence reakcia penado. « Nek italoj, nek germanoj, Romanĉoj ni volas resti ». Klarvideble, la svisa popolo ne montras inklinon al sennacieco, k svisa gazeto mondskale esperanton praktikanta ŝajnas fieri pri tio.*

Kion tuta popolo konsentis al eta malplimulto, tion ekzemple la sovjeta registaro dekretis kiel fundamentan leĝon, kaj donis al siaj malplimultoj etnaj gentaj kaj lingvaj la rajton uzi kaj evolui-gi propran lingvon.

Ĉi-tiuj du agoj, konsenti homan rajton al malplimultoj deciditaj konservi siajn karakterizaĵojn, evidente *ne* respondas al la sennacieca doktrino.

## L'ESPERANTO

La organo de la Itala Esperanto-Movado en sia Marta numero, recenzante gazetojn esperantistajn citas artikolon el *Svisa Espero*, rilatan tan al la interna ideo. Kiel konkludo ni legas jenon :

*Bonego! Sur flagon de Esperantismo oni devas skribi nur : propagandadu Esperanton, ellernu Esperanton! Kaj unuopaj Esperantistoj sciigu al ni, pere de la svisa gazeto,* kian *internan ideon ili celas. Ĉu, ekzemple, ke Svisujo, Usono, Anglujo, Francujo k. a. verŝu en kofron de malriĉaj ŝtatoj sian oron ? aŭ ke Svisujo, Usono, Aŭstralio k. a. malfermu limpordojn al fremdaj laboristoj? aŭ aliaj similaj problemetoj de la* homaro ? »

Kian rilaton havas la nuna konfuza situacio en la mondo kun la demando pri utilo aŭ ne-utilo de idea Esperantismo ?

Kritikante necesas informiĝi ĝi pri faktoj. La riĉeco en oro (pli ol 3 miliardoj da Frankoj) de Svislando devenas el tio, ke ŝajne la grandaj ŝtatoj ĉirkaŭantaj Svislandon ne prezentas plu sekurecon financan, ĉar pli ol la duono de la tri miliardoj (ni ripetu 3.000.000.000) apartenas al eksterlandaj deponintoj. Tiu ĉi troeco devigis la svisan registaron, dekreti haltigon de l'alfluo, ne normala kaj danĝera. Kiel unu rimedon ekzemple, oni fiksis la senrentumecon por deponoj je malpli longa templimo ol unu jaro.

*Malfermi la limpordojn*, jen alia postulo. Kaj denove la kritikanto ne klopodis iom ekzameni statistikojn italajn. Laŭ ili, li devus konstati tuj, ke laboristoj italaj eniras Svislandon relative facile, ke vivas en la malgranda Svislandon 140.000 italoj el Italujo, dume apenaŭ 18.000 svisoj en la Reĝlando ! Plie li devus scii, ke Svislando estas plej bona kliento de Italujo. Pri Francujo li devus scii, ke 800.000 italoj vivas sur franca tero kaj trovas sian panon.

Ŝajnas al ni, ke la du landoj cititaj montras sufiĉan internan ideon? Aŭ ĉi ili devos krom la jakon, ankaŭ forpreni la ĉemizon kaj doni al kara frato itala ?

## REVUO DE L' MONDO

Estas la titolo de nova revuo, 30×24 cm, 12 paĝa, redaktata de D-ro Szilágyi kaj aperanta en la eldonejo de « Literatura Mondo », Budapest.

El la unua numero ni citu : La duonjarcento de l' detektivo : romano : Antologia paĝo : Kultur historio en milimetroj : Muzika paĝo : De lando al lando, artikolo pri la jubileo de Aŭstralio. Plie kelkajn beletristikajn legaĵojn, fine la rubrikon « Observo ». Bone kunmetita, bona stilo, bona preso kaj malalta prezo!

## HAGA KATOLIKA ESPERANTISTO

Ciklostile presita tiu ĉi revueto, redaktita de P. M. Brouwer jam eniris la sepan jaron de ekzisto, bela pruvo de persisto. Jen perlo de malgranda rakonto :

### La Profesio

Sinjorino tute ne povis sukcesi en la dungado de lerta servistino. Iun vesperon ŝia serĉanta okulo rimarkis anoncon en la gazeto :

> « Patrino serĉas por sia 18 jara filino honestan servon en la urbo ».
> « Leteroj sub literoj K.K., Novstraat, Weesp ».

La Sinjorino eltondis la anoncon kaj skribis, invitante la patrinon kun ŝia filino anonci sin en la Amstellaan en Amsterdam. Vespere ŝi rakontis al sia edzo, ke ŝi invitis vilaĝan knabinon el Weesp. « Ĉu tiu knabino volus veni? » dube diris la Sinjoro. « Kial ne ? » mire respondis la Sinjorino. « Ni ja repagos la vojaĝmonon. Tion oni kutimas fari en tiaj okazoj ». « Nu, ni atendos », rediris la Sinjoro iom dube. « Kiam mi nun sukcesos, mi tre ĝojos post tiu turmentado kun tiuj tagservistinoj ». « Mi esperas », diris la Sinjoro.

Vendredon tintis la sonorilo. « Jen ili estas », ĝojkriis la Sinjorino. « Faru lumon kaj estu iom afabla. Kaj vi konsentos pri ĉio, ĉu ne ? » « Ne estos mia kulpo », estis la respondo. « Vi decidu ». La Sinjorino malfermis la pordon. Du homoj sur la ŝtuparo. « Ni venas el Weesp. », klarigis la pli maljuna. Larĝe la pordo estis malfermata. « Eniru », invitis rave la Sinjorino. La duo eniris, modeste. « Mi ankaŭ kunvenis », klarigis la plimaljuna, « mi estas la patrino. Jen mia filino ».

Ĉiuj nun estis en la loĝoĉambro. La Sinjoro afable kapjesis, sed subite lia vizaĝo sulketiĝis. La geedzoj rigardis unu la alian. Ambaŭ kaŝobservis la 18jaran knabinon. Tiu ĉi havis ĝibon, ŝia nazo ekzistis nur parte kaj ŝia vizaĝo estis tute lentuga, dum la brovoj forestis. La tuto estis malbelega kreaturaĉo. Ne mirige estis, ke la Gesinjoroj tre konfuziĝis.

Sed ambaŭ rekuraĝiĝis kaj komencis la kutiman demandadon. Adreso, kie ŝi antaŭe laboris, k. t. p. Respondis ĉiam la patrino, la filinon oni neglektis. Vinjo ankoraŭ neniam antaŭe estis ĉe homoj, ĉar... nu, jes... la Sinjorino certe jam komprenis. Sed ŝi volonte volas ion lerni. Ĉiufoje jam malsukcesis... « Mi ja volas, sed ili ne volas min », subite sonis malmelodia voĉo... la voĉorgano de Vinjo. Denove konsterniĝis la Gesinjoroj. Nun la geedzoj estis sen iu dubo. Tiun Vinjon ili neniam dungos. Tian servistinon, neniam. Tiam pli bone « sen ».

« Aŭskultu knabino », komencis la Sinjorino, « mi kredas ke mi jam nun povas rezigni viajn servojn. » « Tion mi jam pensis », raŭke kriis Vinjo. « Ĉu mi tial venis el Weesp ĉi tien ? » plendis la patrino. « Tiu infano tute ruinigas min ». « Ho », rapide diris la Sinjoro, « kompreneble mi repagos al vi la vojaĝkoston. Kiom vi elspezis ? » « Por ĉiu unu guldenon », respondis la patrino. « Nu, jen estas du kaj duona guldeno ». « Ĉu vi kredas, ke mi pli volonte havas oficon por ŝi ? » lamentis la patrino. Sed dankante ŝi akceptis la monon, kaj post tio la interparolado finiĝis.

Tiun vesperon en la Novstrato en Weesp.

Vinjo estas kalkulanta kun sia patrino. Vinjo lavis sin, forigante la lentugojn. Ŝi demetis la ĝibon kaj nun aspektas kiel homo. Ili estas kalkulantaj.

« Ni vizitis 40 adresojn. De 20 adresoj ni rericevis la duoblan vojaĝkoston. Faras 40 guldenojn, de 16 ni ricevis la irkoston. Faras entute 56 guldenojn por la vojaĝo. Do restas profito de 52 ½ guldenoj. Kontrolu Vinjo, ĉu estas en ordo ».

« Ni havis hodiaŭ bonan tagon Vinjo. La sekvontan semajnon ni iros al Utrecht », decidis la patrino.

# Foliumante novajn verkojn

**Rimarko.** Pro bedaŭrinda malsaniĝo de nia ĝisnuna recenzisto la raportado pri nombro da libroj alvenintaj dum la lastaj monatoj iom prokrastiĝis. Eldonistoj kaj legantaro bonvolu senkulpigi nin.

**Rembrandt, la Magiisto, de Muller,** eldonita de Holanda Eldonejo « Esperanto » en Amsterdam, estas orginala verko de alta valoro. La aŭtoro lerte efektivigis la ideon, prezenti detalan biografion pri la mondfama holanda pentristo Rembrandt. La libro estas bele bindita kaj zorge presita sur luksa papero. La unua parto priskribas la vivon kaj la verkadon de la eminenta artpentristo kaj la dua parto enhavas cent ilustraĵojn, akvofortojn kaj bildojn de la majstro. S-ro Muller vere rajtas fieri pri sia belega verko, ĉar ankaŭ lia esperanta stilo estas nepre korekta kaj pura. Li apartenas al tiu nederlanda skolo, kiu brilas per sia fervoro kaj perfekteco, tiel ke Holando ŝajnas nun esti la fokuso en Esperantujo. Al la aŭtoro kaj al la eldonisto oni povas sincere gratuli. Ambaŭ faris gravan servon al nia movado.

**Veterano? de Ismael Gomes Braga,** eldono de « Gazeto de Ameriko », Rio-de-Janeiro. Jen la unua originala verko en Esperanto eldonita en Brazilo. En la unua parto de la libro la aŭtoro respondas al la demandaro por la « Festo de Veteranoj », aranĝita de la Jubilea Kongreso de Esperanto en Varsovio. Tiuj respondoj prezentas samtempe valorajn detalojn por estonta historiografo de la Esperanto-movado en la granda teritorio de Brazilo kaj pro tio estas vere interesa por ĉiu Esperantisto en la cetera mondo. En la dua, pli ampleksa parto, troviĝas du deko da mallongaj verkoj de la sama aŭtoro el diversaj epokoj de lia laborado kaj peniga propagando. La libro favore prezentiĝas ne nur laŭ enhavo, sed precipe ankaŭ pro la laŭdinda stilo kaj la plaĉa aranĝo. Oni plezure povas rekomendi ĝin tiel al la ceteraj « veteranoj », kiel al pli junaj Esperantistoj, kiuj profite ĝin tralegos.

**Slovnik Esperantisko-Česky kaj Česko-Esperantský de S. A. Berka.** Eldonejo de Malkaraj Libroj, Brno. (Vortareto Esperanto-Ĉeĥa kaj Ĉeĥo-Esperanta). Du volumetoj broŝuritaj en poŝa formato. Ili ŝajnas esti tre utilaj helpleriloj por ĉeĥoj.

**La Strato de fiŝanta Kato, de Jolante Földes,** tradukita de Ladislao Halka kaj Ladislao Spierer, eldonita de Literatura Mondo, Budapesto. La verkistino por ĉi tiu romano ricevis literaturan premion kaj ŝia verko jam aperis en pli ol dek naciaj lingvoj. La eldonejo, kiel kutime, bone elektis prezentante ĉi tiun tradukaĵon. Pri la vivo kaj la aventuroj de postmilitaj emigrantoj en fremda lando kun fremdaj kutimoj tiel trafe kaj emocie rakontas la aŭtorino, ke la leganto vivas, ĝojas kaj suferas kun la kompatindaj personoj, kiujn politika situacio forpelis el ilia amata patrujo. La traduko estas senriproĉa kaj oni havas nepre la impreson, legi originalan verkon. La malmultaj preseraroj facile estos eviteblaj en nova eldono. Preso kaj eksterajo estas plaĉaj.

**Mejiko kaj Kardenas, kritiko de Jesus Amaya, Editorial Lumen,** Meksiko. Krom konciza historio la libro prezentas sufiĉe partian ŝocio-politikan kritikon de la pasinta kaj nuntempa vivo en Meksiko. Bedaŭrinde la libro tiel abundas je stilaj kaj gramatikaj eraroj, ke oni ne rajtas rekomendi ĝin al nespertaj Esperantistoj.

**Homoj sur Flosglacio,** komedio en tri aktoj de « Vilém Werner », laŭ la 3-a eldono tradukis kaj eldonis la Moraviaj Esperanto-Pioniroj en Olomouc. Kun neordinara preteco de esprimo, scenejo kaj situacio la aŭtoro verkis ĉitiun amare veran teatraĵon, kiu prezentas kruelan lukton de ĉio nobla por akiri pecon da ekzistadpano. Ĝi estas realisme amara bildo de la putranta socia kaj familia vivo sub la terura premego de la nuna malfavora epoko. La traduko ŝajnas esti tre bona kaj efikas kiel originalo. La plaĉe bindita libro estas bele presita sur bona papero kaj estas ornamo por ĉiu Esperantista biblioteko.

**Fino de la Mondo,** simbola socia simfonio de **Prof. Jan Filip,** Eldonejo de Malkaraj Libroj, Brno. En tiu simfonio reflektiĝas diversaj materialismaj kaj racionalismaj fluoj de la moderna tempo kiuj akre kontraŭas la altcelajn idealojn de religio kaj kredo. Ĉiu klaso de la homa familio havas sian tipan reprezentanton en la dramo. La tuta ago estas tre vivoplena kaj rapide ŝanĝas scenejo kaj situacioj. Ĉiuj roloj estas lerte kaj sukcese aranĝitaj kaj malofte oni renkontas longajn monologojn. Pro tio la dramo taŭgas por la reprezentado en grandaj grupoj aŭ dum Esperantistaj kunvenoj.

**Esperanto Biblioteko** de la eldonejo J. Muusses en Purmerend (Nederlando). Ne necesas paroli detale pri ĉiu aparta kajero de tiu ĉi bonega kolekto, ĉar la enhavo de ĉiu volumeto estas tre valora kaj la tuto tre varia. Serio de 10 kajeroj kostas en abono 2.50 ned. guldenojn. Unuopa numero kostas 0.35 guldenojn aŭ 3 internaciajn respondkuponjn. Ĝis nun ni ricevis 13 kajerojn, kies akiron kaj legadon ni varme rekomendas.

**J. Sd.**

# Turisma Servo

## Karlsbad

kuracloko mondfama regule propagandas per nia lingvo. Jam aperis sinsekve serio de bele presitaj gvidfolioj, kiuj havis ĉiam sukceson.

Jen elvenis nova gvidfolio (22 cm. alta, 10 cm. larĝa) faldprospekto malfaldite 1 m., kun deko da ilustraĵoj. La invit-teksto bonstila kaj la aranĝo plaĉa. La praktikaj informoj troviĝas sur aparta folio sur sobra papero La eldonon instigis S-ro Fr. Ulbert, eksdelegito de UEA, la tradukon prizorgis S-ro Kowarschik. Oni povas ricevi la prospekton, skribante al Kurverwaltung, Karlsbad (Ĉeĥoslovakio).

## X-a Sokola Kongreso en Praha

Luksan prospekton, broŝureton 12- pagan 19x21 cm. bele ilustritan pri la Sokola Gimnasta Kongreso en Praha 1938, jus eldonis la Ministerio de Komerco. Niaj legantoj petu ĝian senpagan alsendon ĉe la Ĉeĥoslovaka Esperantista Informejo Praha, Uralské 9.

## Eŭkaristia Kongreso en Budapest

Eldonis kiel jam anoncite diversajn presaĵojn (kiujn ni tamen ne ricevis) Jen atingis nin granda afiŝo, tre karakteriza: Kaliko sur nigra fundo kaj la teksto en Esranto.

# Universala Esperanto-Asocio

## Oficiala informilo 1938-4

**Personaro en la C. O.**

Laboras nuntempe en la C. O. de UEA la jenaj personoj:

*Administranto:* Hans Jakob.
*Kasistino:* S-ino Marg. Jörin.
*Oficisto:* Charles Gossweiler.

---

*Definitiva instaliĝo* de la Centra Oficejo okazas je la monatfino. Ĝis nun la C. O. okupis provizore vastan oficejon en la Domo de la Senarmiga Konferenco, vitra konstruaĵo, apud la Wilson Palaco, pro nepreteco de la efektiva oficejo, okupita de kelkaj servoj de la Internacia Labora Oficejo.

**Subtenantoj 1938**

La sekvantaj personoj bonvolis helpi nian agadon, aliĝante kiel Membro-Subtenantoj:

Listo 3:

31. S-ro M. Vingerhoets, Amsterdam, Nederlando.
32. S-ro Eric Evans, Bangor, Caernarvonshire, Britujo.
33. S-ino L. Tissot-Martin, Basel, Svislando.
34. S-ro L. Ozouf, Lausanne, Svislando.
35. S-ro K. M. Liniger, Bern, Svislando.
36. S-ro John Baxter, Glasgow, Skotlando.
37. S-ro H. Harabagiu, Bucuresti, Rumanio.
38. S-ro D-ro W. G. Joustra, Medan, Sumatro.
39. S-ro Boleslaw Zmuda, Siedlce, Polujo.
40. S-ro Frank Thurgood, York, Britujo.

Al ĉiuj ni esprimas nian sinceran dankon por la afabla subteno dum tiu-ĉi malfacila tempo.

**Esperantista Libertempejo**

Kun la proksima numero de ESPERANTO estos dissendata informilo kun ĉiuj detaloj pri la libertempejo esperantista en Brunnen, ĉe la Lago de l'Kvar Kantonoj.

**Jarlibro 1938**

Dum eliras la nuna numero la Jarlibro 1938 estas sendopreta. La resuma stastiko de l' Esperantoparto indikas:

Ĉefdelegitoj de UEA en 17 landoj.

Delegitoj de UEA en 425 lokoj kaj pri 50 lokoj kie D estas elektata dume...

Landaj Asocioj Esperantistaj:

En 29 Landoj (kun Aŭstrio) ekzistas 34 Asocioj, kiuj kalkulas kune 18 500 anojn.

Laboristaj Asocioj: 3 tutmondaj kaj 12 Landaj, kiuj kune kalkulas proksimume 12 000 anojn.

Gazetaro: 53 nacilingvaj en 27 landoj, 26 tute en Esperanto en 14 landoj, kune 79.

Laboristaj gazetoj 13.

Tiel ke la Esperantista preso sumas 92 periodaĵojn. (Inter ili estas deko, ciklostile presitaj).

Fakaj Societoj: 25.

El ili 2 porblindulaj, 10 profesiaj, 6 Katolikaj, 2 protestantaj, 3 vivreformaj, 1 skolta kaj 1 Kvakera Institutoj de Esperanto: 12 naciaj, unu internacia...

Dum korektado kaj engaĝigo survenis la ŝanĝo en Aŭstrio. Precize kiel ni priskribis en artikoloj antaŭ tiu ĉi fakto, la samdirektigo forviŝis — Aŭstrion — el la landkarto esperantista. Ĉar la Jarlibro prezentas la staton je la fino de l'antaŭa jaro, ni ne forstrekis ion. Membroj kiuj hazarde devus skribi al estinta Delegito en tiu ĉi lando informiĝu ĉe la C. O. pri ties ekzisto.

## Niaj Mortintoj

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*S-ro Leroudier,* DM et UEA n° 215, en Lyon, 5 Nov. 1937.

*S-ro D-ro L. M. J. Stoel,* Membro de UEA, en Veendam 75 aĝa, 29-XII-1937.

*S-ino Maria Cornelia Bernardina Wouters,* edzino de S-ro Morris de Ketelaere, estinta ĉefdelegito de UEA, 20 Marto 1938 en Antwerpen.

*Sro Misû Berariu,* en Bucuresti libervole forlasis tiun-ĉi mondon, pro intima ĉagreno. Talenta poeto, li donacis al nia literaturo la poemaron « Spite la vivon ». Kunlaboris al esp. periodaĵoj.

*S-ro Prof. Albert Läufer,* pastro katolika en Mainz, German., 30 Marto 1938, malnova, fidela membro de UEA.

*S-ro Rud. Oesterlein,* pens. generalo de l'Aŭstria armeo, de 1913 ano de UEA n-ro 6526 en Gross-Enzersdorf, Aŭstrio.

Nia fidela animo kaj D de UEA en Samaden, Svis., S-ino Lena Grütter-Haeberli funebras pro subita forpaso de amata edzo, S-ro Karl Grütter, 5 Majo 1938.

---

## Grupaj funkciuloj

aŭ izolite agantoj, kiuj laboras seninterrompe almenaŭ du jarojn por nia movado, devus nepre trovi lokon en la « Enciklopedio de Esperanto », por ke ilin la historio ne forgesu. Tio estas la vidpunkto de la redakcio de Enciklopedio kaj pro tio ĝi alvokas ĉiujn, kiuj faris la almenaŭ dujaran laboron, postuli la necesan formularon por la biografiaj indikoj. Tiuj formularoj estas haveblaj de ĉiuj esperantistaj societoj, lokaj delegitoj, kaj libristoj, sed en la okazoj, kiam tiuj ne: povas doni, volonte liveras ĝin Literatura Mondo, Budapest IX. Hungarujo, Soroksári-út 38. En Nederlando postulu nur de N. E. C. Rotterdam W Schiedamscheweg 209/b kaj en Svedujo nur de SLEA Stokolm, Barnhusgatan 8. en ĈSR prefere ĉe la Asocia librejo.

## Alvoko

Skoltoj venu al hungarujo, se vi ne povas viziti en Aŭgusto la Selkunvenon en Londono! Okaze de la hungarlanda esperanto kongreso estos Esperanta Tendareto en bela urbo PECS. 4-6. *Junio.* Kostoj kun manĝo, tend o kune P 4. - sv. fr. 1. — Aliĝojn sendu al MNSZ. Esperanta sekcio, Pécs. Mária str. 13. Hungarujo. Duonpreza veturo sur hungaraj fervojoj!

## Korespondado Interŝanĝo!!!

S-ro Ladislav Blecha, fervojoficisto, delegito UEA.

*Parkan 2. stacidomo, Ĉeĥoslovakujo,* deziras korespondi pri diversaj temoj kaj interŝanĝi diversajn objektojn kiel: poŝtmarkojn, il. poŝtkartojn, leterojn, gazetojn, fotografaĵojn, glumarkojn, kaj glumarkojn (etiketojn) el skatoletoj de alumetoj pro sia universala kolektado kun samideanoj aŭ samideaninoj el ĉiuj landoj en la tuta mondo. Respondo kaj interŝanĝo garantita, por tio karaj gesamideanoj skribu tuj! *Bonvolu afranku viajn leterojn filateliste!!*

---

## Foiro de Budapest

29-Aprilo. 9-Majo

Vizitu la Foiron de Budapest. Esperantaj prospektoj V., Alkotmány-u. 8.

---

## Speciala Korespondado

S-ro Marek Bröcker, Esp. Klubo « Vitraj Domoj », Krasinskiego 10 m. 22, Warszawa-Zoliborz serĉas korespondadon pri konstruteknikaj kaj radioamatoraj temoj. Tre bonvena estos interŝanĝo de informoj pri loĝeja kooperativismo, pri kiu tute speciale interesiĝas nia klubo.

S-ro Aleksander Juchniewicz, ulica Krzywa 25, Wilno (Polujo) korespondos diversteme precipe kun Estonoj, Turkoj k. a., interŝanĝos ilustritajn gazetojn.

S-ro Piotr Komuniecki, Staromieście 35, Rzeszów /Polujo/, Ruso, konfesie grek-ortodoksa, membro de Skolta Esperantista Ligo, 23-jara, volas konatiĝi kun rusa junul(in)o, kiu estus por li konsolo, dum la malgajaj tagoj de ekzileco, malproksime de la Patrujo.

Sosnowiec II (Polujo) — S-ro Viktoro Pogoda, Pogodá sfr. Pojdazdowa 21 m. 8. PI,L kĉl. PM ne malpli ol 100 send. rekom. Respondo garantiata.

Ĉiulandajn gesamideanojn seriozan korespondadon pri diversaj fakoj profesiaj temoj serĉas *Frezisto* vie delegito de U. E. A., Stanislaw Wolinski Radom, Dowkonta, 4, Polujo.

## La mezeŭropa situacio

politika ĉesigis la aperon de du interesaj gazetoj. Ili estas la « UŜE-EĤO » en Rumanujo kaj la « Verda Revuo » en Vieno. Nia unua penso komprenebie estis post la aŭdo de tiuj aferoj, ĉu tiu ĉi situacio ne influis iamaniere ankaŭ la situacion de nia plej granda eldonejo, « Literatura Mondo » en Budapest.

Post koncerna informiĝo ni povas kun ĝojo sciigi niajn legantojn, ke « Literatura Mondo » laboras senmalhelpe ĝis nun kaj ĝiaj gvidantoj trovas absolute neebla tian ŝanĝon en Hungarujo. Kiu farus malhelpon al ilia laboro. Sed ankaŭ tion ni povas ĝoje sciigi, ke la eldonejo « Literatura Mondo » estis malgraŭ ĉiaj siaj esperoj tiom singarda ke ĝi jam antaŭ jaroj kreis situacion, kiu ebligas daŭrigi la laboron en kiu ajn ŝtato de Eŭropo sen iu ajn prokrasto en ia ajn neatendita situacio. La presejoj de « Literatura Mondo » laboras nun en kvin landoj kaj jus farita nova kontrakto kun presejo en Hongkong ebligos eldoni jare 6000 paĝojn da libroj laŭ la ekstremorientaj prezkondiĉoj.

La esperantistaro do ne devas timi la sorton de nia plej aktiva eldonejo. « Literatura Mondo » povas resti en ĉiu politika turniĝo aktiva kaj laborkapabla kaj tiun aktivecon povas paralizi nur tio, se la esperantistoj, la klientoj de la eldonejo « ne » sendus la abonojn al la gazetoj de « Literatura Mondo » kaj « ne » aĉetus la nove aperintajn interesajn librojn de ĝi. Sed la esperantistaro jam delonge konas la valorojn kiujn Literatura Mondo kreis por la movado kaj tial ni povas trankvile diri al niaj legantoj: nia « literatura centro » ne estas en danĝero kaj travivos ĉiujn uraganojn.

---

## Korespondado

S-ro Stojan Stojkov Kisov, panisto, *Pleven* (Bulgario) ul. Odrin 14 deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo.

S-ro Isak Taĝer, Dupnica, Bulgarujo, ul. Nikolaevska, 74 deziras interŝanĝi ilustr. poŝtkartojn kun alilandanoj.

Deziras korespondadi kun eksterlandaj gesamideanoj Em. Pankevičius. Stoniškiai. Pagegiu apsk. Litovujo.

S-ro Aleks. N. Canev, Burgas, strado « Ranovski » 12 Bulgarujo.

Deziras korespondi pri abelismo kun samideanoj de la tuta tero.

S-ro Radoslav K. Tričkov, ul. Knjajevska - 63, Bulgario: Vratza.

Serĉas gekorespondantojn ĉiulandajn por sia 10 jara filino Esperantina R. Tričkova. Preferataj temoj: geografio, naturhistorio. Sendado de fotobildoj, nacilingvaj bildgazetoj kun konciza traduko de la tekstoj, alfabetlibroj, flagetoj kaj moneroj dezirinda. Ĉiu materialo uzota en ŝia klaso kiel pervida instruo de la klasestro. Esperantistino ŝi estas depost naskiĝo.

---

## Skoltoj

Skoltoj vizitu la jarkunvenon de skolta Esperantista Ligo dum la Universala Kongreso 30. Julio- 6. Aŭgusto en la Centro de Skoltismo: Londono. Kosto kun manĝoj por tuta tempo nur 30 ŝilingoj. Instigu multajn lerni kaj partopreni. Detaloj: *Leonard Symes,* komisaro, Sekr. « Tantallon », The Meadows, Farnborough, Kent, Anglujo.

*Kiel iras la Gaj-esperantista Mondo?*

Ĉu vi povas skribi interese kaj fidinde sed ne skandale en centvortoj (ĉirkaŭe) novaĵeron el la reala esperanta vivado? Do, fariĝu korespondanto por « Klubnovajo » kondukita de Anoj de la Melbourne Esperanta Klubo. Ĉiu letersendanto en ĉiuj landoj ricevos respondleteron de Ano de la M. E. K. kun almenaŭ cento da vortoj zorge redaktitaj pri interesa temo, kaj ankaŭ ricevos (kontraŭ unu respondkupono) kopion de « Klubnovajo » kiu enhavos presindajn leterojn. Mallonge — Kiel vivas la geesperantistoj! Kiel aspektis la fianĉino, la geedziĝontoj, ĉu la esperantistineto ploretis antaŭ la baptofonto, ĉu la amo burĝonas inter H... M... kaj E.. P... ??? Kie ajn du Esperantistoj (geaj) renkontas, tie estas Novaĵo. Skribu do, cent vortojn al Klubnovaĵo, Melbourne Esperanta Klubo, Box 2723 Eliz. St-Melbourne, Aŭstralio.

---

## Vojaĝemaj esperantistoj

Petu Detalojn pri la XII-a Hungarlanda Esperanto Kongreso 4-6. Junio 1938. okazonta en bela urbo *Pécs* /post la Eukaristia Kongreso en Budapest:

Esperanto Kongreskomitato, MNSZ., *Pécs,* Mária str. 13. Hungarujo. Vizitu la Belan Hungarujon!

Kiu iros al Budapest, nepre poste vizitu la kongreson en Pécs. Aliĝu jam nun. Vojaĝrabatoj en kaj eksterlandaj!

**Fondinto: H. Hodler, † 1920**
**Redakcio: Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de U E A**
Presis: Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato: 15 Majo 1938